# BOLETIN

## DE LA FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA

AÑO VI N.° 2 (62) FEBRERO, 1954

## POR SU PROPIO PESO

El esfuerzo de una minoría de esperantistas para difundir el uso del idioma auxiliar por una mayoría que no se ha planteado el problema de su necesidad, despierta la discusión de varias importantes tesis acerca del empleo de un idioma común para las necesidades mutuas en los diversos países.

La primera y más importante es la de su mayor o menor necesidad. La mayoría de la gente vive sin la menor preocupación por tal problema y considera extraño que haya personas que pierdan el tiempo en este asunto. En efecto, todo es relativo en este mundo. Se puede vivir sin el Esperanto. También se puede vivir sin aviones, sin radio, sin prensa y hasta, si nos apuran, sin trenes ni barcos. Y las generaciones que vivieron antes de usarse tales medios de relación no se sentían infelices por la falta de tan maravillosos inventos, que ni remotamente columbraban. Lo que nadie podría tolerar, mas que a la fuerza, es la supresión de tales instrumentos que tan profundamente han arraigado en la vida moderna y que significan, no solamente un aumento de comodidad, sino principalmente un mayor nivel cultural, sanitario y aún moral.

En vez de utilizar, como de costumbre, argumentos demostrativos de la utilidad del Esperanto, empleemos por el contrario el método inverso. Supongamos, y es lástima que no sea una realidad, que desde largos años este idioma fuese ya oficial y generalmente empleado para las relaciones internacionales. Que la diplomacia, la ciencia y la técnica lo utilizasen corrientemente. Que en los congresos universales, en lugar de emplear complicados, costosos e imperfectos procedimientos para las traducciones, se hablase directamente en Esperanto, ahorrando tiempo, dinero, errores y humillaciones. Que el médico utilizase rápida y directamente la monografía interesante, sin tener que

continúa en la página siguiente

BOLETIN
de la
FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA
BULTENO
DE HISPANA ESPERANTO-FEDERACIO
VALENCIA
Redakcio: Str. Pelayo, 7, 1.ª
Adresoj de la Federacio
Sidejo: Str. Ruzafa, 7 (Casa Chaume)
Oficejo: Str. Pelayo, 7, 1.ª
Telefonoj: 19532 kaj 53579
Oficej-horoj
9 ĝis 13'30 kaj 15 ĝis 20
Sabate: nur 9 ĝis 13
Kunvenejoj
Marde: Str. Ruzafa, 7 (Casa Chaume)
De la 22'30 ĝis 24
Sabate: Montepio de la Dependencia Mercantil
Str. San Vicente, 67, 1.ª
De 15'30 ĝis 18
Kotizoj de la Federacio
Simpla membro: 15 pesetojn jare
Membro-abonanto: 40 pesetojn jare
Membro-subtenanto: 75 pesetojn jare
La membroj de la du lastaj kategorioj ricevas la Bultenon. La subtenantoj ricevas du ekzemplerojn.
Eksterlanda abono al la Bulteno: 40 pesetojn jare
Monsendojn adresu al:
S-ro Ernesto Hurtado
Str. Pelayo, 7, 1.ª - VALENCIA

esperar a su traducción. Que el estudiante pudiera oir y comprender al profesor extranjero. Que el comerciante correspondiese directamente con la firma del país lejano. Que las noticias de interés mundial se comunicasen en el idioma mundial. En resumen, que se utilizase el sentido común en este asunto y que, después de años y años el Esperanto fuese ya un elemento habitual de la cultura y de las relaciones humanas.

¿Puede caberle a alguien la duda de lo que ocurriría en todo el mundo si, de repente, por arte diabólico, quedase suprimido tan útil, sencillo y perfecto medio de comprensión? No vale la pena describir la tremolina que resultaría de tal carencia. La humanidad quedaría como semiasfixiada por tal limitación, y exigiría la inmediata reposición del lenguaje suprimido. No faltaría quien comparase el enorme vacío producido, a la anulación de las centrales eléctricas, del motor de explosión o de unos siglos de cultura.

¿No es, por tanto, absurdo prescindir de tan útil idioma auxiliar?

***Condensación de una charla de nuestro compañero de redacción Dr. Rafael Herrero, transmitida por Radio Alerta, de Valencia.***



## H E F

## FEDERACIAJ KOMUNIKOJ

La Estraro petas, ke oni bonvolu tre afable sendi sian jarkotizon kiel eble plej frue. Niaj membroj ja scias, ke niaj kotizoj estas malaltaj kompare kun tiuj de aliaj landaj asocioj. Krome ni starigis favorajn kondiĉojn por pago, se necese, en du fojoj; la unua en la komenco de la jaro kaj la dua en ĝia mezo.

Ne sendu monon je nomo de la Federacio, sed de la kasisto S-ro Hurtado laŭ adreso en la apuda tabelo. Tio faciligas al ni la ricevon. Kelkaj tre diligentaj samideanoj kutimas sendi monon per telegrafo. Ni dankas ilian akuratecon, sed ni preferas ke oni pagu al ni per poŝtmandato. La telegrafaj monsendoj ofte kaŭzas al ni malŝparon de tempo kiam la portisto ne renkontas nin en la oficejo.

Al ĉiuj niaj korespondantoj, inkluzive federacianojn, ni petas bonvolu ne forgesi indiki sur ĉiu letero sian adreson (ne sufiĉas fari tion nur sur la koverto), ĉar la leteroj tre ofte estas transdonataj sinsekve al la koncernaj samideanoj —Administracio, Libroservo, Bulteno— por respondi laŭ sia prizorgata fako, kaj ili senpere respondas. Se ĉiufoje oni devas serĉi adresojn en la oficeja sliparo, tio okazigas bedaŭrindan tempoperdon. Ne plendu pro ĉi tiu ŝajna impertinenta peto; pensu ke ni ĉiuj estas laboristoj, kiuj ĉiutage devas perlabori sian vivon kaj nur povas dediĉi al la federacia laboro la horojn de la nokto kaj la dimanĉojn. Bonvolu afable ne ŝarĝi nin per nenecesa laboro. Dankon!

## *ATENTIGO*

Ni informas al la aliĝintoj al la vespera kunveno por honori S-anon Luis Hernández, ke ĝi okazos en Restoracio Munich, strato Paz, 2, Valencia, la 27-an de Februaro je la 22-a horo. Novaj aliĝoj ankoraŭ estos akceptataj ĉe nia Federacia oficejo.

# AL LA HISPANAJ ESPERANTISTAJ GEINSTRUISTOJ

Laŭ la pedagogia scienco, instruisto estas publika oficisto kun specialaj konoj kaj emo, sin dediĉanta al la instruado kaj edukado de la infanoj, preparante ilin por la socia vivo. Konsciu pri la graveco de via misio. En viaj manoj troviĝas la knedebla argilo de la animo de viaj lernantoj kaj laŭ la maniero kiel vi edukos ilin, tia estos la estonta socio. Ne ĉion tiurilate faras nur la instruistoj; la familio kaj eĉ la socio mem ankaŭ influas, sed tre ofte la efiko de la instruisto etendiĝas ĝis preter la lernejajn jarojn. Profesoroj en liceoj, universitatoj kaj teknikaj lernejoj ankaŭ havas sian parton en tia influo. Ĉiuj preparas generaciojn por la granda batalo de la vivo.

Vi ĉiuj, esperantistaj geinstruistroj, uzas ĉiujn rimedojn en viaj manoj por esperantistigi vian lernantaron, por veki ĉe ili senton de amo al la tuta homaro, sed vi ne devas agi unuope, la laboro estos multe pli efika se vi unuiĝas, se vi kunigas viajn fortojn, se vi interŝanĝas opiniojn, spertojn kaj sugestojn. Oni devas propagandi inter la ceteraj instruistoj, oni devas prepari la necesan instruistaron, kiun oni bezonos kiam la regantoj decidos fari deviga la instruadon de Esperanto en la lernejoj.

Mi, la plej modesta el la elementaj instruistoj esperantistoj, direktas al vi ĉi tiun alvokon. Ni fondu la Geinstruistan Sekcion de la Hispana Esperanto-Federacio, ni laboru tuj ĉar la afero estas urĝa kaj ni kontaktu kun la Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj por lerni el ĝiaj instruoj kaj spertoj. Provizore vi povas vin turni al mi por prepari la unuajn laborojn cele al tiu agado. En la venonta Kongreso en Zaragoza, ni devas havi ĉion pretan por la fondo de nia Sekcio.

*Marco Aurelio Perles Sifre*
**Maestro Nacional - Mosqueruela, Teruel**

---

# UNIVERSALA ESPERANTO - ASOCIO

En la januara numero la revuo ESPERANTO, oficiala organo de UEA, aperigis frontartikolon de la Prezidanto S-ro E. Malmgrem. La artikolo estas tre interesa. Li rememorigas la devizon de li proponitan por la jaro 1953: «Disvastigi, plibonigi kaj firmigi la kontakton kun oficialaj rondoj kaj samtempe grandskale daŭre informi la ĝeneralan publikon pri la genia solvo de la interlingva problemo, kia estas Esperanto». Kaj konstatas, ke lia espero plenumiĝis, ĉar kaŭze de la decido de la Ĝenerala Konferenco de UNESKO en Parizo, UEA proponis al la landaj asocioj kaj al multaj unuopaj esperantistoj diversajn laborojn por prezenti al la oficialaj instancoj ĉiujn necesajn faktojn pri nia lingvo. Ĉiuj streĉe laboris kaj poste pere de la Centro de Esploro kaj Dokumentado oni prezentis la kolektitan faktaron pri la tutmonda Esperanto-movado.

Li esperas, ke dum 1954 tiuj argumentoj estos lerte kaj kompetente uzataj por ke la Ĝenerala Konferenco de UNESKO en Montevideo faru decidon laŭ la graveco de nia lingvo. S-ro Malmgrem opinias, ke unu el la ĉefaj taskoj —kaj urĝa— estas kolekti sufiĉe da mono por ke UEA povu sendi al la UNESKO-konferenco reprezentanton, kiu pledu por nia afero. Unu landa asocio organizis grandan kampanjon por la *Fondaĵo Montevideo* kaj atingis jam pli ol 200 anglaj pundoj (ĉirkaŭ 20.000 pesetoj).

La Prezidanto alvokas ĉiujn esperantistojn, helpi la *Fondaĵon Montevideo,* por ke en la historia momento kiam venos la diskuto pri Esperanto, nia reprezentanto ĉeestu por persone prezenti kaj defendi la vidpunkton de la esperantistoj.

Kaj li aldonas: Daŭrigu ĉiu esperantisto en sia loko plej energian agadon por krei fortan movadon, pli grandan anaron kaj pli lertajn adeptojn de la internacia lingvo.

# LA VOĈO DE L' KONGRESO

## XV-a Hispana Kongreso de Esperanto

**24 - 27 Julio 1954**

**Adreso de la Organiza Komitato: Santa Isabel, 10 - ZARAGOZA**

## ZARAGOZA INVITAS VIN!



**La rivero Ebro kaj la Baziliko «El Pilar»**

Ni bedaŭras informi, ke la Sekretario S-ano Salvador Morales devis forlasi tiun postenon, ĉar li baldaŭ forvojaĝos al Stokholmo. Feliĉe lia anstataŭanto estas S-ano Antonio Marco Botella, fervora kaj kompetenta esperantisto. Ni adiaŭas S-anon Morales kun sincera danko pro lia ĝis nun entuziasme farita laboro kaj esperas, ke S-ano Marco plenumos sian taskon kun la sama entuziasmo kiel la antaŭa Sekretario.

Laŭ informoj ĵus ricevitaj de la Organiza Komitato, ĉirkaŭ 60 aliĝoj alvenis jam al la Oficejo. Tial ke ni estas ankoraŭ en frua tempo, tio kredigas nin, ke nia venonta Kongreso estos tre amase partoprenata kaj tiu supozo ĝojigas nin. Kompreneble, ankaŭ oni povas pensi, ke la frualiĝintoj deziris profiti la plej malaltan Kongres-kotizon, kiu, kiel sciate, finiĝos en la fino de Februaro. Tiu, kiu ne rimarkis tion, ankoraŭ estas en tempo por pagi la plej favoran kotizon.

La Komitato sciigas, rilate la diversajn prezojn montritajn en la aliĝiloj, ke ili devas esti konsiderataj kiel maksimumaj, sed oni klopodos por havigi ĉion kiel eble plej malmultekoste.

Kiel sciinda informo ni komunikas, ke la Esperanto Grupo de Bilbao, kun la celo ebligi la vojaĝon al la Kongreso, al la plej granda nombro da samideanoj, inkluzive la plej modestajn, eldonis specialajn glumarkojn laŭ valoro de 10 kaj 25 pesetoj. La samideanoj de Bilbao aĉetas tiajn markojn kaj algluas ilin sur kajero, kaj tiamaniere kiam venos la tempo de la Kongreso ili havos la monon por la vojaĝelspezoj en la kaso de la Klubo, je sia dispono.

*LITERATURA KONKURSO.* Dum la Kongreso okazos Literatura Konkurso, kies kondiĉojn ni sciigos en nia venonta BOLETIN. La verkemaj samideanoj prepariĝu, ĉar oni havigos al ili ne facilajn taskojn.

*EKZAMENOJ PRI KAPABLECO.* Ankaŭ okazos ekzamenoj pri esperantlingva kapableco. Oni disdonos diplomojn al tiuj, kiuj sukcese finos tiajn ekzamenojn. La taskoj konsistos en diktaĵo en Esperanto, kiun oni devos traduki en hispanan lingvon, kaj diktaĵo en hispana, kiun oni tradukos en Esperanton. Kandidatoj sendu sian aliĝon al nia Federacio, sendante samtempe 25 pesetojn.

# FROSTO EN VALENCIA

Ĉi tiu novaĵo, al niaj legantoj en la plej granda parto de nia lando kaj en la cetera mondo, eble ŝajnos tre banala kaj ne inda voki ilian atenton. Tamen ĉi tiu vetera fenomeno ĉi tie atingas kelkfoje karakteron de vera katastrofo.

La plej karakteriza aktiveco de ĉi tiu agrikultura regiono estas la kultivo, empakado kaj eksportado de oranĝoj. Ĉi tiu manifestacio de la homa laboro kun la helpo de la naturo, akiras gradon de apoteozo. Dum multaj monatoj en la jaro multege da homoj laboradas en preparoj por la sezono de la rikolto. La arboj bezonas specialajn zorgojn. Ili estas pli bone konservataj se oni plantas ilin sur grundoj ŝirmataj de la malvarmaj nord-okcidentaj ventoj, ekzemple apud monto-flankoj orientitaj al la sud-oriento. Tamen ilia kultivo tiom etendiĝis, ke tiu kondiĉo jam tute ne eblas por la plimulto el la oranĝoĝardenoj.

La oranĝarboj bezonas preskaŭ la varton de iniaj manoj. Necesas ĝustatempa akvoirigacio kaj sterkado. En printempo aperas sur ili ĉiaspecaj parazitaj insektoj kaj kriptogamoj minacantaj la kreskon de folioj kaj fruktoj. Oni devas taŭge aspergi la tutan arbon per mortigaj kemiaj produktoj kontraŭ tiaj parazitoj.

La maturiĝo komenciĝas en Novembro, kiam alvenas la unuaj malvarmoj; por tiu maturiĝo estas necesa malvarmo, sed ne tro. Ankaŭ en Novembro komenciĝas kompreneble la rikolto, sed tial ke kelkaj specoj maturiĝas pli malfrue, daŭras la rikolto en ĉiu sekva monato ĝis Majo.

Ĉe la rikolto, grandega aktiveco vekiĝas en ĉiuj urboj, urbetoj kaj vilaĝoj de la oranĝkultiva zono. Oni vidas en la ĝardenoj homamasojn kun ŝtuparetoj kaj tondiloj rikolti la fruktojn, kiuj estas tuj transportataj al magazenoj kaj tie mekanike lavataj kaj klasigataj laŭ grandeco, paperenvolvataj kaj enkestigataj. Poste oni denove transportas ilin al la havenoj por ilia enŝipigo al eksterlando. En la menciitaj magazenoj laboras multaj centoj da miloj da gelaboristoj. Grandaj amasoj svarmas, gajas kaj kantas en la stratoj je la horo de eliro el la magazenoj. Knabinoj kun siaj ridoj kaj ŝercoj donas al la strata trafiko aspekton de festo.



**Oranĝarboj dum la rikolta sezono**

Multege da flankaj industrioj stariĝis ĉirkaŭ la oranĝkultivo. Hakistoj en la pinarbaroj de foraj regionoj en centra kaj norda Hispanujo faligas milojn da arboj por la mekanikaj segejoj, kaj ĉi tiuj fabrikas la lignajn kestojn por la oranĝenpakado; najlofabrikoj kaj ferfadenaj fabrikoj provizas tiajn ilojn por la kestoj; paperfabrikoj kaj litografiejoj liveras la envolvpaperon kaj etiketojn; kemiaj laboratorioj preparas la mortigilojn kontraŭ la parazitoj; specialaj entreprenoj estas dediĉataj al la laboro senparazitigi la arbojn, kaj krome estas bezonata konsiderinda kvanto da vagonaroj, kamionoj kaj ĉevalĉaroj por la transporto de tiom da varoj.

Sed se aperas la frosto —tre malofta en la zono de la oranĝoj—, ĝi efikas sur

daŭrigo sur paĝo 19.

# K A L E J D O S K O P O

*Sub tiu titolo, ni intencas represi sur ĉiu numero de nia gazeto, unu el la plej rimarkindaj aktualaj artikoloj de la esperanta gazetaro. Tiel la scivolema legantaro de BOLETIN iom post iom ekkonos la ĉefajn skribaĵojn de samideana aktualeco.*

*Konsiderante ke la enhavo de la jena artikolo, ĉerpita el nia simpatia kolego DANSK ESPERANTO-BLAD, meritas tian rimarkigon, ni plezuras oferi al ĝi la hejmecan medion de niaj kolonoj. La temo estas tre interesa, ne nur por la dana legantaro sed ankaŭ por la tutmonda samideanaro. Ni esperas, ke la hispanaj esperantistoj eltiros la logikan profiton el ĝia legado.*

## KIUN LINGVON NI PAROLU?

**Ĉu ni danaj Esperantistoj parolu Esperanton aŭ dane inter ni?**
**Ŝajne estas du diversaj opinioj pri tio.**

Multaj respondus tuj: Kompreneble Esperanton! Estas bonaj motivoj por tia respondo, ekz. 1) ni bezonas ekzercon, 2) estas nia devo kulturi tiun lingvon, kiu estas speciale nia lingvo, 3) respekton ni ne akiras, nek de ni mem, nek de aliaj homoj, se ni ne bone regas kaj uzas Esperanton.

Sed estas aliaj, eĉ lertaj, Esperantistoj, kiuj argumentas, ke Esperanto estas por uzo nur al eksterlandanoj. Tial, se ĉeestas nur danoj, estus sensencaĵo paroli Esperanton; ni devas tie uzi nian gepatran lingvon, kiu cetere havas la avantaĝon, ke ĉiuj komprenas, dum oni riskas, ke kelkaj ne komprenas Esperanton.

Certe la unua vidpunkto, ke ni uzu Esperanton inter ni, reprezentas la deziron de la plimulto, sed la dua, ke ni parolu dane, konformas al la praktiko de la plimulto. Tiuj, kiuj agnoskas la unuan vidpunkton, sed tamen preferas la danan lingvon, eble senkulpigas sin jene: Mi scias Esperanton sufiĉe bone por mia praktika bezono, tial mi ne bezonas plian ekzercon.

Tiu lasta argumento laŭ mi ne estas prava. Unue ĉar mi konas neniun, almenaŭ neniun danon, kiu uzas Esperanton same facile kiel sian gepatran lingvon; sekve li ĉiam riskas embarason. Due ĉar ni havas la nepran devon altigi la Esperanto-lingvan nivelon, ne nur la propran kaj ne nur tiun de la malpli lerta Esperantisto, sed ankaŭ tiun de la komencantoj. Ni devas altigi la lingvan nivelon de la tuta dana Esperantistaro.

Estas ĉe mi neniu dubo pri tio, ke la praktikaj rezultoj de la laboro por la disvastigo de Esperanto, por la rekono de Esperanto, estus multe pli bonaj, se ni ĉiuj scius nian lingvon pli bone.

La lingva kapablo en Danujo multe kreskis dum la lastaj 25 jaroj, sed en aliaj landoj ĝi kreskis eĉ pli; ni konstante estas malantaŭe! Mi menciu nur unu ekzemplon: Antaŭ nelonge nia klubo havis viziton de germano, kiu diris, ke li en sia urbo konas multajn Esperantistojn, kiujn li kvazaŭ ne konas kiel germanojn, ĉar li neniam parolis alian lingvon ol Esperanto kun ili, kaj ke li tute ne povas imagi tiujn samklubanojn parolantaj germanan lingvon. Ne estas strange, ke tia Esperantisto miras, kiam li aŭdas danan konversacion en Esperanto-klubo.

Laŭdire estas malfacile paroligi la membrojn ĉe la klubkunvenoj. Mi kredas, ke ne. Mi plurfoje menciis sistemon, kiun ni en klubo praktikis kun bonaj rezultoj; tial ne estas nura teorio. Mi jen ripetas ĝin: La sufiĉe kapablaj membroj deklaru, ke ili nek komprenas, nek parolas alian lingvon ol Esperanto. Se iu, kiu ne sufiĉe bone scias Esperanton, deziras paroli kun ili, oni alvoku iun por interpreti. Ni uzu laŭeble plej multe Esperanton. Ni montru en la praktiko, ke «Esperanto estas la lingvo por ni».

*O. C. Lange.*

*Ĉi tiu senbalasta artikolo de la prezidanto de Centra Dana Esperantista Ligo estas tre trafa, kaj prezentas al la konsidero de ĉiuj, temon ĉiam aktualan. Esperantaj kluboj devas esti veraj pri-esperantaj ekzercejoj, kaj naciaj lingvoj devas esti parolataj en ili, tre escepte kaj nur pro neforigeblaj postuloj*

# ☆ LA LERNEJO

Tre demandema lernanto nia —tiel devas esti tiuj kiuj deziras progresadi— petas al ni klarigon pri la taŭga uzado de artikolo *la*. Jen nia mallonga sed klara respondo: La artikolo *la* estas uzata tiam, kiam ni parolas pri personoj aŭ objektoj konataj. Oni ne uzas *la* antaŭ la propaj nomoj aŭ la titoloj, nek antaŭ land— kaj urbnomoj, se ilin ne antaŭas adjektivo, nek apud ***ambaŭ, ĉiuj, kies***. Oni trovas uzadon de *la* antaŭ mont— kaj rivernomoj. Anstataŭ *la* oni povas ankaŭ diri *l'*, sed nur post prepozicio kiu finiĝas per vokalo. Forlaso de la artikolo en dubaj kazoj estas preferinda ol misuzo.

La pordoj de nia lernejo restas malfermitaj por ĉiuj.

*R. Molera, Direktoro de*
*Esperantaj Kursoj per Korespondado*
*Forn, 19, Moyá, Barcelona*

---

daŭrigo de paĝo 17.

la oranĝarboj difekte kaj detrue. Malaperas la suko en la fruktoj, folioj kaj maldikaj branĉetoj. Ili elsekiĝas, kaj folioj kaj branĉetoj fariĝas nigraj, tiom ke la kamparanoj kutimas diri, ke ili estas bruligitaj (ja ili aspektas kvazaŭ incendio estus forbruliginta la ĝardenojn, kaj nur dum kelkaj horoj!). Se la temperaturoj estas tre malaltaj ĉiuj arbobranĉoj estas detruitaj kaj devas esti dishakataj. En tiu kazo la arboj restas plurajn jarojn sen produkti fruktojn ĝis kiam la branĉoj denove kreskas kaj la foliaro akiras la necesan densecon.

La fruktoj tute sekaj, sen sia suko, nenion valoras, ili estas mortaj. Kaj ĉio, kio estis antaŭe en la urboj, urbetoj kaj vilaĝoj laboro kaj gajo ankaŭ mortas. Magazenoj, fabrikoj kaj transporto paraliziĝas. Gelaboristoj ne plu estas bezonataj, salajroj malaperas kaj malĝojo regas en la kamparaj familioj.

Jen pro kio, novaĵo, kiu ne gravas en la cetera mondo, estas por Valencia terura kaj senegala katastrofo.

*J. B.*

**KRUCVORTA ENIGMO N.° 2**

de Juan Devís



*Horizontale.*—1. (rad.) La tuta persono. Legoma.-2. Sindonema. Estro de amerika ŝtato. - 3. (rad.) Natura fluanta akvaro. (inv.) Grava jararo. - 4. Mencii. Loĝebla konstruo. - 5. (rad.) Ŝirmanta remparo. Marŝi. — 6. Konsonanto. (inv.) Sufikso. Sufikso. Konjunkcio.-7. Narkota substanco. (inv.) Malsupra ĉeftrabego de ŝipo.-8. (rad.) Granda tuko por kapti la venton. (rad.) Rajdbesta seĝo. (rad.) Genro de papagoj. 9. Kolektiva sufikso. (inv.) Iras sencele. Sufikso.—10. Duagrada lernejo.—11. Rimarkinda konstruo.

*Vertikale.*—1. (rad.) Muskola ĉefa organo. Eksperimentoj. - 2. (rad.) Profesio. (inv.) Mallaŭta krieto. - 3. (rad.) Denove rigardi ion. Sufikso. Konsonanto. - 4. Tuja preparo. (rad.) Aŭdebla aervibrado. - 5. Kolekti. Metu natrian kloridon. - 6. (inv. kaj rad.) Furiozema virinaĉo. - 7. Estrada. Lagune. - 8. Plej supera oficiale konstatita sporta venko. (rad.) Fermentita mosto. 9. Havi delikatan agrablan odoron. Artikolo. Pasiva participo. - 10. Grekortodoksa pastro. Konigu vian penson per vortoj. - 11. (inv.) Interna. Trinkvazo.

**SOLVO DE LA ENIGMO N.° 1**

*Horizontale.*—1. Okal. Bati. - 2. Ravas. Suker. - 3. Prave. Trudi. - 4. Brak. Alta.— 5. Ans. Ree. - 6. Il. Go. Is. Si. - 7. Temo. Klub. - 8. Agi. Tra. Ide. - 9. Ni. Naiva. Or.—10. Laŭdega.—11.—Taŭroludo.

*Vertikale.*—1. Orp. Titano. — 2. Karb. Legi. - 3. Avara. Mi. La. - 4. Lavango. Naŭ. 5. Sekso. Taŭr. - 6. Brido. - 7. Stari. Avel. 8. Burlesk. Agu.—9. Akute. Li. Ad.—10. Teda. Sudo. – 11. Iri. Libera.

***S-ro Samuel Roca Rodó sendis la solvon de la Enigmo n.° 1.***

# BONHUMORA ANGULO

### *Kie naskiĝis la gripo?*

Ĉijare la gripo ankoraŭ ne aperis. Sed ne trankviliĝu! Ĝi prezentiĝos pli malpli frue. Pli certe ol la impostisto, la pordisto kun la lukvitanco, la kalkulo de elektro, gazo kaj akvo... Sed rimarku. En Francujo oni nomas ĝin «hispana gripo», dum en nia lando ni vidas, kiel ĝi envenas tra la Pirenea pordo, kaj tiel ni nomas ĝin «franca gripo». Do ni ne disputas pri posedaĵo, sed pri forĵetindaĵo. Ni imitas *francojn kaj* britojn kiam, en la batalo ĉe Fontenoy, la respektivaj ĉefoj, ĉapelsvingante, diris:

«Sinjoroj francoj, bonvolu pafi la unuaj».

«Ne, Sinjoroj angloj, bonvolu pafi, vi *la* unuaj».

Ĉu ni ne povus akordiĝi kaj decidi, ke la gripo elsaltis el Andoro?

Ho ve! Mi ne povas subteni mian proponon, ĉar Samideano Hurtado admonas min:

«Ne eblas! En Andoro loĝas tri federacianoj, kaj mi ne toleras, ke ili koleriĝu pro via ideaĉo kaj malabonu la bultenon. Malakceptite!»

Tamen mi ne kuraĝas bapti la gripon «internacia». Ĉu kiel Esperanto, la Ruĝa Kruco aŭ UNESKO? Ne, ne, tute ne! La problemo, feliĉe por ni, ne estas nur nia, nek moderna. La sifiliso estis nomata en Francujo «itala malsano», dum en Italujo oni reagis nomante ĝin «franca malsano». *En Polujo oni konis la «rusan malsanon»* kaj en Rusujo la «polan skurĝon».

Problemo por ĉiu, solvo por neniu.

Eble... se ni tute ne baptus la gripon, ĝi ne kuraĝus viziti nin, konsiderante sin tute fremda!

Ni provu! *D-ro Cirano.*

### *Ne atendita kritiko*

Kiam Fulton Oursler foje intervjuis Winston Churchill, la ĉefministro estis ankaŭ preta, montri siajn pentraĵojn. Oursler rigardis kritike la bildojn kaj glosis: «Tiu pejzaĝo tie super la pordo ŝajnas al mi distancige la plej bona el viaj bildoj».

«Ho ve!», Churchill ekvokis ridetante; «ĝi estas la sola en ĉi tiu ejo, kiun ne mi pentris!»

# VIVO SAMIDEANA

***Nia aktiva samideano en Sabadell, S-ro Domingo Torné Masip jus edziĝis kun la bela fraŭlino Carmen Pifarré Pedrós. Ni tre kore gratulas kaj deziras al ili eternan kaj tre dolĉan miellunon!***

***La ĝis nun Sekretario de la Esperanto-Sekcio de la Cooperativa «La Sabadellense», militservas kiel maristo. Jen lia nuna adreso: S-ro L. Puig Gandía, buque «Galicia», San Fernando, Cádiz. Ni sendas al li tre amikajn salutojn.***

---

# DONACOJ AL NIA BULTENO

**Antaŭa sumo 692 pesetoj.**

**J. Herp, 40 pesetoj.—E. M., 10.—F. Santacruz, 10.—E. Pérez, 25.—M. López S., 5.—R. de Luna, 15.—D. Dalmau G., 10.—L. Sorribes, 10.—J. Vigo, 10.—A. García, 10.—E. Miralles, 60.—T. Apraiz, 10.—I. de Otaola, 10.—J. Estañ, 25.—A. Núñez, 10.—A. Marco, 10.—P. Marqueta, 10.—M. Pinilla, 10.—J. A. Gen, 10.—J. Olivé, 60.**

**Entute 1.052 pesetoj.**

***Koran dankon al ĉiuj donacintoj.***

---

### *ANONCETOJ*

● Deziras ricevi Esperanto-markojn kaj Kongres-stampaĵojn S-ro Evaristo Gil, Calders, 9, 3.° — Barcelona
Interŝanĝas filatelajn poŝtmarkojn.

● Tiuj samideanoj en la norda parto de Hispanujo, pretaj gastigi du fraŭlojn el Aŭstrio kelkajn tagojn dum la somero, bonvolu skribi al S-ro H. Schalk, Breitenseerstrasse, 108, 7/11, Wien M. (studento 25-jara), aŭ al S-ro J. Matzner, Arnethg. 60, Wien 16 (litografisto 27-jara)

● S-ro Jacquesson, Prof. de Faculté, Directeur du Laboratoire de Recherches, Poitiers, Vienne, Francujo, deziras interŝanĝi ideojn rilate la serĉadon de la interna konsisto de la metaloj.

● Deziras interŝanĝi poŝtmarkojn germanajn kontraŭ hispanaj S-ro Rudolf Keil, Bahnhofstrasse 13, Rastede (23) Germanujo

● *Lyon'a esperantisto 30-jara deziras* korespondi kun hispanaj gesamideanoj, precipe loĝantaj en la mediteraneaj regionoj, pri la ĉefaj vidindaĵoj, popolvivo kaj ĝeneralaj temoj pri turismo, kaj interŝanĝi poŝtkartojn kaj turismajn prospektojn. S-ro Noel Thermoz, 19 Rue Tête d' Or, Lyon, Francujo.

PERIS-GRAN VIA M. TURIA, 28-VALENCIA